Vijfde Jaargang, Nummer 3 | Verschijnt elke veertien dagen | 4 Februarie 1933

LABORISTA ESPERANTISTO
ARBEIDER ESPERANTIST

ORGAAN VAN DE FEDERATIE VAN ARBEIDERS-ESPERANTISTEN IN HET GEBIED VAN DE NEDERLANDSE TAAL

Redaksie: Middenweg 226, Amsterdam-O. Administratie: Valentijnkade 2, Amsterdam-O. Postgiro nr. 144698. Gem. Giro A'dam F 930
Sekretariaat van de Fed. van Arbeiders-Esperantisten: Mercatorstraat 133, Amsterdam-W. In België: Tweemontstr.124, Deurne-Antwerpen

Abonnementsprijs f 1,25 per jaar. Voor leden gratis. Prijs losse nummers f 0,05 per eksemplaar. Oplaag 3000 eksemplaren.

# Raporto pri la Federacio en la jaro 1932

**RERIGARDO.**

Kiam finiĝas la jaro 1932a ni ne povas ne atentigi pri la daŭra propagando por nia movado, propagando, kiu pli kaj pli montriĝas esti efika. Pro la strukturo de nia Federacio necesas, ke ni atentas multajn flankojn, por ke ni ĝisfunde profitigu ĝin. La kresko de nia Federacio bezonas novajn formojn, novajn aranĝojn, kiuj estas necesaj por ne perdi ion el la intereso de la publiko, ne perdi la fruktojn de nia laboro en la tuta lando. En la pasinta jaro ni fakte ne plu aŭdis la rimarkon, kiun ni antaŭe multfoje aŭdis; „Kio estas Esperanto?"

Evidentiĝis, ke Esperanto pli kaj pli enpenetras nian regionon. Ĉu ni povas esti kontentaj pri la fruktoj de la laboro en la pasinta jaro? Iugrade certe, konsiderante, ke ni tiurilate fakte estas nesatigeblaj, ke ni ne povas esti plene kontentaj antaŭ ol ni atingas nian celon; tamen en la nunaj cirkonstancoj ni ĝoje povas konstati sanan kreskon en nia movado, en nia Federacio. Kresko, kiu alportas al ni siajn problemojn; kiujn ni devas solvi, kiujn ni devas konsideri kaj pristudi. Tiaj problemoj fakte prezentas sin de ĉiuj flankoj, organize kaj praktike ili estas gravaj. La plivastiĝanta tereno postulas ne nur la atenton de la estraro sed de ĉiuj sekcioj, de ĉiuj anoj.

Kiam ni deziras utiligi tion, tiam ĉiu el ni estu laborpreta. Montriĝis, ke niaj anoj komprenas tion; el ĉiuj lokoj, kie eblas propagandi, ni ricevis la instigojn kaj nur tre malofte ni vane klopodis instigi niajn anojn kaj sekciojn labori por tio. Nur malmulte da ĝeneralaj membroj restis tro singardaj. En iliaj klopodoj favori esperanton ili timas perdon de io jam ekzistanta kaj preferas atendi ĝis laŭ ili, pli konvena tempo. Timo al disigo restigas ilin en iliaj malfortaj rondetoj, en kiu ili foruzas sian energion kun malmulte da efiko, malgraŭ ke montriĝas en diversaj lokoj, ke enpenetro de nia movado signifis pligravan disvastiĝon de Esperanto.

Alitlanke la pasinta jaro estis jaro, kiu malfavore influis la laboristaron, kiu precipe suferis pro la ekonomia krizo; krizo, kiu estas grava malhelpo por nia movado. Senlaboreco trafis nian klason; sufero kaj mizero mordegis en niajn viĉojn. Kaj multaj el ni pro tio ne povis sin doni tiel, kiel ili deziras. Energio, forto kaj kuraĝo estis necesaj por kontraŭbatali la minacojn al nia vivostato. Estas kompreneble, ke nia Federacio sentis tion en la tuta organizo. Sed firme kaj konscie niaj anoj restis sur sia posteno kaj sukcesigis, ke la kresko de nia Federacio ne haltis, spite ĉion. La aktiveco ne laciĝis ĉe la kerno de niaj anoj, kiuj daŭre laboras por nia movado kaj la fino de la jaro alportas al ni la konvinkon, ke la jaro estis por ni grava kaj ke ĝi povas alporti por la estonto al ni la bazon sur kiu ni povos labori por plejefika rezulto de niaj klopodoj.

*Ekantaŭen!!*

**LA MEMBRONOMBRO.**

En la pasinta jaro la membro-nombro superis dumtempe iomete la 2000. Kiam aliĝis al nia Federacio la nova sekcio Vlissingen, ni enskribis la 2000-an anon, kiu estas ano de ĉi sekcio. Bedaŭrinde ni en la lastaj monatoj de la jaro ricevis tiom da eksiĝoj, ke ni ne sukcesis konservi tiun nombron. La kaŭzoj de tio certe estas diversaj, sed precipe la nuna kriza tempo ege influis ĝin. La sekcioj, kiuj baraktas en financaj malfacilaĵoj pro tio, ne plu povas teni la rektan kontakton inter siaj anoj kaj suferas pro la nealfluo de novaj anoj. Kelkaj anoj ne povas solvi la problemon kaj en la fino de la jaro anoncis sian eksiĝon. Malgraŭ ĉi ĉio, ni tamen povas mencii certan kaj daŭran kreskon kompare kun la antaŭa jaro. Ni ankaŭ ne forgesu, ke la alfluo de membroj en nia organizo ĉefe okazas post la kursoj en la unua duono de la jaro. La komparo laŭ jena listo donas klaran bildon pri tio.

31 Dec. 1932 la membrostato estas:

| | |
|---|---|
| Sekcioj | 62 |
| Sekciaj membroj | 1803 |
| Ĝeneralaj membroj | 69 |
| Simpatiantaj membroj | 68 |
| Simpatiantaj organizoj | 25 |
| Entute | 1965 |

31 Decembro 1931 ĝi estis:

| | |
|---|---|
| Sekcioj | 51 |
| Sekciaj membroj | 1258 |
| Ĝeneralaj membroj | 65 |
| Simpatiantaj membroj | 215 |
| Simpatiantaj organizoj | 23 |
| Entute | 1561 |

La membronombro estis je 31 Dec. 1930: 1133. *Ni do kreskis en 1931 per 428 kaj en 1932 per 404.*

Konstateble estas, ke la nombro de la simpatiantaj membroj grave malaltiĝis. La kresko en la sekcioj, malgraŭ ke ni povas atendi en pligrandiĝanta organizo nur proporcie pligrandan alfluon de novaj anoj, tamen montras konsiderante la priskribitajn melhelpaĵojn, sanan staton. La nombro da *sekcianoj* ja kreskis en la lasta jaro per *545* kaj tio estas la plej valora membro-grupo. Menciinda estas, ke ni en ĉi jaro kiel simp. organizon, povis enskribi la N.V.V. (Nederlanda Ligo de Sindikatoj).

*Fondiĝis 13 novaj sekcioj;*

Brussel, West-Graftdijk, Gent, Gouda, Dordrecht, Coevorden, Koog-Zaandijk, Amsterdam IV, Amsterdam XI, Bussum, Vlissingen, Den Haag IV kaj Kerkrade. Malfondiĝis la sekcioj Aalsmeer kaj Den Helder. La sekcio Alblasserdam malfondiĝis kaj poste refondiĝis.

La novaj sekcioj en Amsterdam havas la sekciajn numerojn de la sekcioj, kiuj en la antaŭa jaro vakis. Amsterdam IV estas grupo de fervojistoj, faka grupo. La sekcio Aalsmeer ne plu povis resti sekcio de nia Federacio; klopodoj niaflankaj ne sukcesis; poste montriĝis, ke rekta kaj daŭra kontakto kun ili ne eblas pro manko de emo inter la restantaj anoj de la grupo. La provinca distrikto Nord-Holando eble sukcesos rekontakti kun tiu grupo. Sekcio Den Helder ne sukcesis daŭrigi sian funkciadon pro manko de energio ĉe la anoj. Revivigo pere de la helpo de nia Tessela sekcio ne sukcesis.

Post informiĝo kun la distrikto ni ne akceptis aliĝpeton de grupeto en Amsterdam konsistanta el 7 personoj, kiuj intencis starigi sekcion en kvartalo, kie ne ekzistas sekcio. Montriĝis tamen, ke la anoj loĝas en kvartalo, kie jam ekzistas sekcio, nome Amsterdam I. En interkonsento kun la distrikto Amsterdam ni turnis nin al tiuj kdoj kun la propono, ke ili aliĝu al sekcio Amsterdam I, kun kies helpo ili poste povos klopodi fondi sekcion en la, de ili aludita, kvartalo. Tion ili rifuzis.

**LA PROVINCAJ DISTRIKTOJ.**

Evidentiĝis, ke la tereno fariĝas tro vasta por labori laŭ la ĝisnuna formo. Ne eblas, ke la estraro estas informita pri ĉio rilate al nia regiono. Intensa prilaboro ĉiam pli postulas de ni. La lokajn cirkonstancojn en la plej granda parto de nia regiono la estraro ne profunde konas. En niaj klopodoj ni ofte vane turnis nin al ĝen.anoj kaj lokaj instancoj, kiuj nin pro diversaj kaŭzoj ne rekte povis helpi en niaj klopodoj. Por efike labori ni bezonas kernon de laborpretaj gekdoj, kiuj havas rektan kontakton kun la federacia estraro. Por tio servu la provincaj distriktoj, kiuj havas gravan taskon. Kiam ni, raportante pri la jaro, ne povas ne instigi niajn sekciojn kaj niajn anojn al pliintensiva laboro por venki la nunajn barojn por sukcesi en niaj klopodoj „disvastigi esperanton inter la laboristaro favore al nia klaso kaj ties batalo", tiam ni samtempe devas montri la rimedojn per kiuj ni povos atingi tion. En ĉi tiu raporto ni do ne malatentu la provincajn distriktojn.

En „Interkontaktilo" No. 5 aperis detala pritrakto rilate al la aranĝo de la distriktoj, laŭ la decido de la apeldorna kongreso. En ĉi tiu jaro ni komencis la antaŭpreparon por ekfunkciigi ilin kaj sukcesis tiel aranĝi la aferon, ke komence de la nova jaro tio realiĝas. Tiel ni per rekta kontakto povas aranĝi la necesajn labortaskojn en la diversaj provincoj kaj ĉio estas tarata por certigi sukceson. La nova jaro atendas nin kun novaj laborterenoj. La kunveno de la reprezentantoj de la provincaj distriktoj estas kunvokata. Tiuj reprezentantoj formas la Federacio-kon-

silantaron kiu kune kun la Fed.estraro estas konsiderata kiel Plivasta Estraro. Sendube ĝi signitas gravan paŝon antaŭen. Ni konsideru ĝin tia kaj utiligu ĝin ĝistunde, ĝi estu la ligilo per kies forto ni povas altiri kaj kunligi al nia organizo daŭran pligrandiĝantan nombron da anoj per kiu ni povas influi nian regionon per kaj por Esperanto.

**NIAJ KURSOJ KAJ NIA LERNOLIBRO.**

Jam de longe ni sentis la mankon de lernolibro, kiu servus al nia movado kaj havus edukan valoron por ĝi. Estis multe da malhelpajoj, kiuj malebligis la eldonon, precipe financaj malhelpajoj. Ni devis venki multon antaŭ ol ni konvinkiĝis, ke eldono fariĝis ebla. Fintine ni, post multa laboro sukcesis efektivigi tion. Kdo Lem verkis la libron, senprofite el sia Radiokurso kaj niaj sekcioj kaj anoj akceptis favore. Ni ankaŭ ricevis manuskriptojn de du aliaj kdoj, kiuj havis kaj meritis nian plenan atenton.

Ke nia lernolibro favore estas akceptata pruvas la mendoj, kiuj en nur kelkaj semajnoj atingis la 3000 ekz. kaj tial elĉerpiĝis. Car ni povas konsideri, ke precipe ĝi estas uzata, pro ĝia speciala karaktero, en niaj rondoj kaj ankaŭ la mendoj pruvas tion, ni jam povis taksi, ke ankaŭ la nombro da kursanoj en kursoj arangitaj en la kadro de nia Federacio atingis la 3000.

**PLI OL 3000 KURSANOJ!**

Malgraŭ, ke ni ankoraŭ ne havas plenajn informojn pri niaj kursoj, *ni nun jam povas konstati, ke la nombro superas la 3000.*

Tamen ni ne povas ne atentigi pri tio, ke inter niaj sekcioj troviĝas, kiuj *ne* uzas la federacio-lernolibron. Estas kompreneble, ke ni tion bedaŭras, ne nur pro la fakto, ke ili nenie povas trovi tian lernolibron, kiu speciale estas verkita por nia Federacio, kaj kies eduka· enhavo favoros nian Federacion (ni ricevis preskaŭ de ĉiuj flankoj nepetitajn esprimojn de konsento, aprobo kaj laŭdo, same la gazetaro recenzis tre favore) sed ankaŭ pro tio, ke tia sinteno povas konduki al malsukceso, kiu kaŭzus al nia Federacio gravan perdon anstataŭ (kiel en la nuna okazo) profiton. Krome la libro estis tre malmultekosta kaj por la sekcioj pro la rabato aĉetinda. Tiuj sekcioj pli konvinkiĝu, ke subteno kaj kunlaboro necesas, se ni deziras vidi rezultojn de niaj klopodoj kaj faroj.

La eldono de nia lernolibro tamen instigis nin kaj ebligas al ni eldonon de aliaj gravaj kaj por nia movado necesaj verkoj.

Niaj eldonoj certe favoras niajn kursojn kaj movadon. Tion la sekcioj komprenu.

**LA SKRIBA KURSO DE KDO FAULHABER.**

Jen la nomo sub kiu estas konata skriba kurso eldonata de nia Federacio, kaj kies celo estas eduki la kursgvidantojn; krome ĝi servas al ĉiuj niaj anoj, kiuj klopodas pli perfektigi sin en la lingvo. Estis fakte la efektivigo de deziro, kiu kaŭzis al ni multajn konsiderojn. Ĝi estas io aparta, io speciala. Konsiderante la kreskon de nia Federacio kaj la mankon de spertaj kursgvidantoj ĉe ĉiujare pligrandiĝanta nombro da kursanoj, ni nur povis trovi rektan kaj certan solvon en eldono de tiu skriba kurso. Sed la nombro da partoprenantoj, la prezo, la amplekso kaj la daŭro de la kurso, ĉi ĉio alportis al la Fed. estraro kaj ankaŭ al la verkanto, neimageblajn penojn. Ni devis solvi diversajn problemojn rilate al tio. Kaj apenaŭ ni atingis la necesan nombron da partoprenantoj (ĉ 350). Sed post ĝia apero pli kaj pli montriĝis, kion la verkinto donis al nia Federacio. Ĝi fariĝis la apogilo de niaj kursgvidantoj. Malgraŭ, ke ĝi ne atingis grandan nombron da abonantoj, ĝia efiko sendube estas konstatebla. Pri tio atestas multaj esprimoj de kontento, en kiuj estas legebla la danko, kiun oni esprimas al la verkanto. Ni nur povas bedaŭri, ke ne pli da abonantoj anoncis sin. Tamen ĝi certe ankaŭ por la estonto alportas al ni siajn fruktojn.

**KUNLABORO KUN ALIAJ ORGANIZOJ.**

*I v A O kaj V A R A.*

En la sezono 1931-1932 ni okazigis, tro malfrue tamen pro la konataj malhelpajoj, en kunlaboro kun la I v A O (Instituto por laborista klerigado) disaŭdigon de esperantokurso en kunlaboro kun la VARA (asocio de laboristaj radio amatoroj). Kdo Lem gvidis la kurson. Por la nuna sezono 1932-1933, ni denove klopodis aranĝi ĝin. Sed post instigaj klopodoj niaflanke montriĝis, ke nek ĉe la Instituto nek ĉe la VARA la emo al tio igas ilin agi. La Instituto konigis post la kurso al ni sian kontenton pri la rezulto de la kurso; promesis kunlaboron por, en ĉi tiu sezono, aranĝo de nova kurso. Sed kiam ni atentigis ilin ĝustatempe pri tio, tiam ni ne trovis ĉe ili la atenditan kunlaboron kaj antaŭ ol ni povus fari ion, pro tiu sintenado denove la tempo pasis kaj fine ili konigis al ni, ke pro ega okupo en propra organizo ili malatentis la kurson. La VARA respondis, al niaj skribajoj ke ĝi atendas la informojn de la Instituto. La sekvo estis, ke disaŭdigo ne povis okazi. Ni poste turnis nin al la VARA por instigi ĝin, okazigi la kurson en la sezono 1933-1934, se necese sen la kunlaboro de la Instituto. La respondo estis, ke ĝi ne plu emas disaŭdigi kursojn pro la fakto, ke la praktiko ne kontentiĝis ilin rilate al kursoj kaj, ke la nombro da abonantoj, akiritaj en nia antaŭa kurso, fakte estas malsukceso, kompare al la elspezoj kaj la membro-mombro de la VARA. Tiuj konsideroj kompreneble ne kontentigas nin, unue ĉar la antaŭa kurso ne povas esti bazo por tio pro la kaŭzo, ke ĝi ne povis esti plene antaŭe preparita pro la prokrastiga sinteno de la VARA mem, due la komparo proporcie al la membro-nombro de la VARA same ne povas esti bazo, ĉar tiel oni ne konsideris la instigojn de siaj anoj, el kiuj jam granda parto esprimis sin por la okazigo pere de riproĉskriboj akceptitaj en la sekcioj Ni daŭrigas niajn klopodojn.

*Radio-paroladoj.*

Antaŭ la VARAmikrofono ankoraŭ parolis: Kdo Veen pri la 12a SAT-kongreso (raporto) Kdo Krijt memorigo pri la naskiĝtago de Zamenhof.

**LA EKZAMENA AFERO.**

Preskaŭ jam pasis du jaroj post kiam ni turnis nin al la Ekzameno Komitato (plue menciita per E K), kun propono akcepti nin en la E K kaj la sekvo de ĉiuj klopodoj estis, ke ni devis starigi nian propran E K. Krome niaj klopodoj etikis pritrakton pri la memstareco de la E K (la malnova, de LEEN kaj N K). La E K nome konsideras sin memstara dum la estraro de LEEN havas malan opinion. Certan konkludon rilate al tio pri la opinio de N K ni ne sukcesis havigi al ni. En ĉiu okazo la rezulto de niaj unuaj klopodoj, kiujn ni direktis al la E K malsukcesis. Post longdaŭra korespondado ĝi informis nin, ke oni ne volas akcepti nin. Pro tio ni turnis nin al la organizoj kaj la rezulto de tio estis, ke la ĉefestraro de LEEN, ĉiel klopodis efektivigi nian akcepton en ĝi kaj kontraŭstaris la opinion, ke la E K estus memstara. Fine ni kunvenis kun la organizaj estraroj kaj la E K por pritrakti projekton de gvidlinioj por kunlaboro en la E K prezentitan al la organizoj de la ĉefestraro de LEEN laŭ projekto de sro Isbrücker. Al tiu projekto ni aldonis amendojn, kiuj celis kunlaboron sur la bazo de egaleco, kiu laŭ ni estas la nura kaj ĝusta bazo por efike kunlabori. La projekto de LEEN (Isbrücker) tute ne enhavis tiun bazon kaj krome ĝi enhavis por ni neakcepteblajn regulojn. Inter kiuj unu, ke la E K konsistu el kerno konsistanta el nuna E K kaj aldonitaj al ĝi 4 anoj, nome po du el la 2 aliaj organizoj. La E K kompletigu sin mem kaj la aldonitaj anoj estus elektitaj el listoj de kandidatoj prezentitaj de la 2 organizoj; ĉiu organizo kandidatigu 5 personojn por tiu, el kiu la kerno elektus 2. Nia amendo estis, ke ĉiu organizo proporcie al la membronombro delegu reprezentantojn en la komitaton. Sed en la kunveno ni prezentis la proponon, ke ĉiu organizo delegu 4 reprezentantojn. Post larĝa kaj detala pridiskuto, nia propono, kiu estis por ni la plej grava, estis malakceptita. Por estis, krom ni, LEEN, kontraŭ la E K, N K kaj CNEV. Evidentiĝis, ke akcepto de la projekto de LEEN signifus la malon de tio, kion ni celas, nome la egalecon. Tial ni decidis starigi propran Ekzameno-Komitaton, kies regularon enhavos la eblon de kunlaboro sur tiu bazo.

**SAT.**

Kun SAT ni havis daŭran kontakton. Ĉiel ni klopodis favore agi al la konvencio kun SAT. En L E aperis regule la komunikoj de la SAT-peranto dume de ni, de tempo al tempo aperis komunikoj en „Sennaciulo". La nombro de la anoj, kiu aliĝis al SAT pli kaj pli graviĝas. Niaj klopodoj estas direktitaj al plia kontakto kun ĝi. Car la landaj organizoj havas tutan alian taskon ol la internacia organizo ni konsideris tiun flankon kiel gravan. La strukturo de SAT ja donas la ideologian bazon sur kiu plua laboro post la oficialigo de Esperanto ebliĝos. La oficialigo de Esperanto ne signifu por ni la malapero de la landaj organizoj kaj sekve malapero de internacia organizo konsistanta el la landaj organizoj. Ne, ĝuste tiam komencas por ni la plej grava laboro por nia klaso, tiam la internacia organizo enhavu la kernon, kiu konsciu pri sia tasko servi al la tutmonda laboristaro, ne kiel konkuranto en la diversaj tendencaj partioj, sed kiel kultura organizo servanta al la devizo: „Laboristoj el ĉiuj landoj unuiĝu vin". Tial ni ĉiel klopodu labori en la kadro de SAT.

Kdo A. Veen, proprakonte, reprezentis la Federacion en la XIIa kongreso de SAT.

**GAZETARSERVO.**

La gazetarservo, kiu funkcias en kunlaboro kun la aliaj esp.-organizoj, fakte suferis pro manko de tempo al la prizorganto, sro. E. de Wolf, kiu informis nin, ke li pro ega okupo ne tiel povas prizorgi ĝin, kiel li deziras. Peranto por nia Federacio estas kdo Alings. Ni klopodas aliigi ĝin sed ankaŭ al ni mankis la tempo funkciigi kontentigan presservon. Klopodoj tiurilate, malsukcesis. Tamen ni devas konstati, ke post la ĉiamaj instigoj de nia peranto, aperis ĉiam pli da artikoletoj en multaj gazetoj, ne nur pri Esp. sed ankaŭ el kaj en esperanto, kursoj kaj apartaj rubrikoj. Do kvankam ne estas speciala servo tamen multaj el niaj membroj kaj sekcioj sukcese utiligas la gazetaron.

**INTERKONTAKTILO.**

Ĉi tiu bulteno, kiu celas servi kiel interligilo inter la federacia estraro kaj la sekcio-estraroj aperis 4 fojojn dum la jaro. Per ĝi eblas detale kaj speciale pritrakti diversajn aferojn.

**NIA ORGANO.**

Nia organo venas regule nun en 2500 familiojn. Gravan paŝon do ni faris antaŭen. Sed ĉu ni povas esti kontentaj? Gekamaradoj vi scias, ke ĝi estas fakte nia plej grava interligilo. Ke ĝi estas utila al esperantistoj kaj al ne-esperantistoj. La nombro de la abonantoj certe povas esti pli alta kompare al la klopodoj kaj la nombro da kursanoj. Ni komprenu, ke ĝi ligas jam antaŭe la kursanojn al nia movado, informas kaj interesigas ilin. La regula eldonkvanto estis 3000, tamen kelkfoje ni devis eldoni pli grandan kvanton. Aperis entute 23 numeroj, kiuj enhavas 166 paĝojn. Kiel redaktoro funkciis kdo H. W. Alings. „Ons Taalblad" prizorgita de la kdoj G. J. Degenkamp kaj F. Faulhaber, montriĝis inda kaj ŝatata aldono de L. E.

La redaktoro ricevis 1452 poŝtaĵojn enkalkulitaj la interŝanĝaj gazetoj. Li forsendis 492 poŝtaĵojn, (krom ĉ. 800-1000 numerojn de L. E. interŝanĝe, kies ekspedon ano de la Fed. prizorgas).

Nur unu kdo utiligis la tiurilatan komitaton pro ne-akcepto de sia artikolo, kion li tamen samtempe reprenis.

Cetere montriĝis, ke restis daŭre la spacmanko. Sed tio ĉiam restos. La „Taalblad" redaktoroj ricevis multe da „demandoj" kiujn ili parte eĉ letere respondis.

**PROPAGANDAĴOJ.**

Krom la regula eldono de nia organo, kiu estas daŭra kaj plenefika propagando, la eldono de flugfolietoj dum la pasinta jaro estas kontentiga, malgraŭ ke ni ne povas

ne plendi pri malsukceso en la eldono de flugfolieto por la 1a de Majo. Ankaŭ la speciala numero de nia organo en tiu okazo estas parte malsukceso konsiderante la mendojn. La *flugfolieto* ne povis aperi pro tro malgranda kvanto da mendoj (nur 1900). *La 1 Maja numero de L. E.*, la sukceso de nia redaktoro, nur povis atingi kelkain milojn. Kie restis la sekcioj, kiuj povus ebligi al ni sukcesan daŭrigon de tiuj klopodoj? Ne eblas trovi pardonon por tio, ke la maja numero de nia organo ne superŝutis nian lingvan regionon, kaj la flugfolieto ne povis esti eldonita. Tio ne plu okazu. La sekcioj kaj niaj anoj komprenu la valoron de tiaj eldonoj. Al la *Nimega-kurso* ni aldonis flugfolieton (4000), pri nia Federacio. La eldono de flugfolietoj antaŭ la propaganda sezono tamen pli bone sukcesis, malgraŭ ke ankoraŭ mankis sekcioj en la vico de mendintoj. Ili komprenu, ke kuna laboro en tiuj eldonoj, ebligas ankaŭ al niaj malfortaj sekcioj iom grandskale propagandi. La prezo por aĉeto de la flugfolietoj estas plimalkara, se ni povas eldoni maksimuman kvanton, kaj tio ebligas al ni en okazo de neceso (kiel ni nun nur malmulte povis fari) senpage havigi al tiaj sekcioj nian flugfolieton.
En la raporto de la Libro-Servo oni trovos la ĝustajn ciferojn pri la kvantoj.
Plue ni eldonis *fenestro-afiŝon*, kiu faris bonan propagandon kaj kiu vidiĝis antaŭ multaj fenestroj.
La *broŝuro* „Esperanto op de school" eldonita en kunlaboro kun la aliaj plene elĉerpiĝis. La, por nia movado tiel valora, *verketo* de kdo Lanti „Het Arbeiders Esperantisme" aperis, de la kdoj Faulhaber kaj De Bruin tradukita en la nederlandan lingvon, en nia Libro-Servo. Duono de la kvanto jam estas vendita la ceteraj tamen devas esti forvenditaj, kiel eble plej baldaŭ; unue pro ĝia propaganda valoro, due por ebligi al ni daŭrigon de tiaj eldonoj. La kursanoj certe interesiĝas pri ĝi kaj multaj ankoraŭ ne aĉetis ĝin, krome dum la vintro okazas kunvenoj en ĉia parteto de nia lingva regiono, do ni utiligu tion. Cetere la prezo estas tre malalta. Pri la valoro de nia movado por la tutmonda proletaro ĉiu laboristo estu informita per ĉi broŝuro.
La *stampilo „Leert Esperanto"*, trovis bonan akcepton, sed restis tro multe en provizo.

**VOJAĜANTAJ BIBLIOTEKOJ.**

Laŭ la devizo: „La libroj servas por esti legataj," ni aranĝis el la libroj de la Federacia biblioteko 5 vojaĝantajn bibliotekojn, enhavantaj proks. po 30 libroj kaj ni metis ilin je servo de niaj sekcioj. Nia ideo estis bone komprenata de la diversaj sekcioj, kiuj ne havante propran bibliotekon, uzis tiun ĉi okazon por havigi legaĵon al siaj membroj. Entute prunteprenis la librojn 13 sekcioj, kelkaj por 3, aliaj por 6 aŭ 9 monatoj. Montriĝis, ke 5 vojaĝantaj bibliotekoj ne sufiĉas por kontentigi legodeziron de ĉiuj petantoj; ni esperas baldaŭ kunmeti kaj ekspedi la sesan „vojaĝanton".

**EKSPOZICIA MATERIALO.**

Ne estis vana nia alvoko al la sekcioj en la pasinta jaro, por ke ili uzu ĉia-okaze la ekspozician materialon. Tion montras la statistiko pri la aranĝitaj ekspozicioj. En la jaro 1930 nia Federacio okazigis nur 10 ekspozicioin, en 1931 jam 19 kaj en 1932 ni atingis la nombron 37.
La ekspozicioj ĉefe estis aranĝitaj en aŭtuno antaŭ la kursoj, kelkaj okaze de la Zamenhof-vespero en Decembro. Krom tio ni ekspoziciis dum la OSP-kongreso en Amsterdam kaj okaze de la kunvenoj de „Algemene Bond van Handels- en Kantoorbedienden" en Hago.
Ni havis ekspozician angulon dum la semajnfina festo (soveta), kiun aranĝis „De vereniging voor sosialistiese ontwikkeling" kaj kelkaj sekcioj ne preterlasis okazon uzi la ekspozician materialon en kunlaboro kun la „Instituto por popolklerigo". Ni propagandis por Esperanto ankaŭ en la kadro de PAS kaj VVVO ekspozicio en Amsterdam. Plialtigita nombro da ekspozicioj pruvas, ke la kompreno de la sekcioj pri necesa propagando por Esperanto pere de la ekspozicia materialo kreskas kaj ni esperas atingi en tiu ĉi jaro ankoraŭ pli altan ciferon.
La tuta materialo nun servas al 5 ekspozicioj; do ni povas samtempe aranĝi 5 ekspoziciojn diversloke. La materialo estas sisteme kaj regule prizorgita; ni sukcesis pliriĉigi ĝin per belaj kolektoj de propagandaj glumarkoj, pentritaj afiŝestoj, albumoj kun diversaj gazetoncoj aŭ artikoloj pri Esperanto, fotoalbumoj ktp. Kelkaj el niaj anoj donacis belajn fotojn, gazetojn en blindula skribo ktp. Per daŭra korespondado kaj interŝanĝo ni akiras novajn esperantaĵojn, per kiuj ni senĉese alpleniĝas la materialon. Venis 435 leteroj, kartoj kaj presaĵoj, forsenditaj estis 274 korespondaĵoj.
(La du supraj raportoj estas de kdino Faulhaber.)

**KONGRESO.**

La 17a kongreso de nia Federacio okazis en Apeldoorn. Ĝi estis plensukcesa. Laŭ la raporto, kiu aperis en la 10a numero de L E oni povas konstati, ke serioza inklino al fortigo de nia Federacio regis en ĝi. Rezolucio, kiu celis malebligi subfosan laboron de elementoj, kiuj por kontraŭorganiza agado klopodas influi nian Federacion, estis akceptita. La certigo de plua seninterrompa laboro por la fortigo de nia Federacio estis kiel eble plej multe por la proksima estonto realigita. La problemoj, kiuj prezentas sin al daŭre pligrandiĝanta organizo necesigas intencan laboron kaj por tio ni bezonas ĉies helpon. Por tio la kongreso havas certan valoron, ĉar la solvo de tiuj problemoj kondukis nin antaŭen; tion montras sendube ĉi tiu raporto.

**EKSIGO.**

Sekve de la Apeldorna rezolucio estas definitive eksigita la tiama sekcio A'dam IV kaj unu ano de sekcio A'dam VIII Orchudesch pro agadoj en la kadro de NUK, nekonforma al la menciita rezolucio. Post trompa agado de tiu NUK-ano, per kiu li sukcesis ŝajnigi sin ne-IPE-ano al parto de la sekcio-anaro kaj tiel daŭrigi dumtempe sian subfosan laboron en tiu sekcio kaj ekster ĝi, la sekcio eksigis lin, kaj krome siajn anojn Splinter kaj Dingsdag, kiuj kunlaboris en tiu trompa agado kun li.

**LEĜA APROBO.**

Ni ricevis la leĝan aprobon pri nia statuto. Laŭ kongresdecido la komitato por pritrakti la regularon sin ankaŭ okupis pri ĉi tiu afero. Post pritrakto ni sukcesis havigi ĝin al ni. Kiel formalajo ĝi estas necesa posedo.

**ESTRARO.**

Kiel estraranoj funkciis; kdo F. Faulhaber kiel prezidanto, kdo P. Krijt vicprezidanto, kdo A. Veen, sekretario, kdo W. Prent, 2a sekretario, kdo F. Koch, kasisto kaj administranto, kdo G. Kroonder 2a kasisto kaj por la Libro-Servo. (La Libro-Servo estas hejme ĉe kdo Koch kiu kune kun kdo Kroonder prizorgas ĝin. Ĉar tiuj laboroj postulas multe da tempo la Fed. certigis al si la helpon de kdino Koch, kiu por konto de la Fed. rekompence povis dungi domservistinon duontage). Kdo H. W. Alings redaktoro de L E, kaj kdino E. Faulhaber por la bibliotekoj kaj la ekspozicia materialo.
Kdo Prent estis elektita post la eksiĝo de kdino Duif. Al kdino Duif nian koran dankon pro tio, kion ŝi faris por nia movado.

**ESTRARKUNVENOJ.**

La estraro kunvenis 25 fojojn. **Sekretario.**

## Jarraporto de la Sekretariejo por Flandrio.

Finiĝis la jaro 1932a — Komenciĝas nova! En ĉiu movado, en ĉiu organizaĵo oni devas raporti pri la okazintaĵoj kaj finante ĝin oni ĉiam faras promesojn kaj havas firmajn intencojn labori pli bone estonte ol dum la pasinta tempo. Mi konsekvence ankaŭ faros malgrandan komparon inter la situacio de la komenco de nia agitado kaj la nuna ĉe la fino de nia unua jaro.

*Membraro:*

| | Antwerpen | Brussel | Gent | Sume |
|---|---|---|---|---|
| Januaro | 15 | 7 | — | 22 |
| Februaro | 16 | 7 | 19 | 42 |
| Decembro | 35 | 7 | 32 | 74 |

Kiam ni kontrolas la membro-liston tiam ni vidas ke en la komenco de la jaro nia Federacio havis en Flandrio 22 membrojn. Ĉe la fino de la jaro ni havas 74. Ĉu la rezultato estas kontentiga, la membroj pri tio juĝu mem.

*Sekcioj:*

Ĝis nun nur 3 grupoj stariĝis sed preparaj aranĝoj por la fondiĝo de novaj estas farataj.
Interalie, la 9an de Januaro okazas en Antwerpen kunveno kiun ĉeestos kdoj el Deurne, Eeckeren, Hoboken kaj Wilrijck por priparoli la eblecon de grupstarigo en tiuj diversaj lokoj. Estas decidita jam ke la 12a sekcio Deurne stariĝos. Deurne estas antaŭ-urbo de Antwerpen kaj kalkulas proksimume 50 mil enloĝantojn. Ĉe la lastaj elektoj la socialdemokratoj akiris la plimulton. Urbestro fariĝos Dro Craeybeeckx kiu antaŭ kelke da tempo en ĵurnalo Vooruit skribis ĉefartikolojn veraj pledadoj por Esperanto. Nun kaj mi ĝojas ke mi povas tion komuniki okaze de ĉi raporto, tiu kdo estas membro de nia Federacio. Li estas juna parlementano kaj tre elokventa advokato kiu pledis ĉiujn procesojn de rifuzantoj (soldatoj).
La ekstera laboro ne estas tre facila sed pere de la distriktaj komitatoj por laboristedukado mi esperas atingi pli bonajn rezultatojn. Malhelpoj por ni estas la neŭtralaj kaj naciemaj kiuj per amuziĝaj programoj alogas la junajn esperantistojn.
Grava kaj substrekinda fakto por nia propagando estas la apero en monata organo de la „Natuurvrienden", „Arbeiders Tourist", de esperanto kurso. Tiu kurso estas gvidata de kdo Willekens kaj mi. Se la nombro da lernantoj estas relative malalta, ni tamen povas esti kontenta pro la morala valoro kiu iam, espereble baldaŭ, profitos al ni.
Koncerne la gazetservon ni ne havas tiom da sukceso kiel decus. Niaj Gentaj gekdoj ne povas plendi tiurilate sed Antwerpen kaj Brussel havas mizeran situacion. Alia aspekto montriĝas kiam temas pri simpatiantaj organizoj.
Jenaj sindikatoj aliĝis kiel simpatiantaj organizoj: La Nacia Sindikato de Fervojistoj; La Diamantistoj; La Metallaboristoj; La Tramistoj; La Centralo de laboristoj diversfakaj kaj La Centralo de oficistoj en publikaj administradoj.
Kanthoro (Jean Jaurès) ankaŭ enskribiĝis kiel simpatianta organizo.

*Kursoj:*

La kursoj ĝenerale sufiĉe bone sukcesis. Gent 2, Brussel 1, Antwerpen 2. Krom tio Gent havis kurson ĉe popola altlernejo, Antwerpen 2; kaj Brussel 1 en oficiala lernejo.

*Korespondado:*

La korespondado jam atingas amplekson. Mi forsendis 187 leterojn kaj 67 poŝtkartojn (proks 30 gazetojn monate). La gazetoj estas sendataj al la redakcioj de ĵurnaloj, sekretarioj de grupoj kaj la oficialaj partiaj instancoj.
La aktiveco kiun ĉiuj niaj sekcioj dediĉas al nia movado klare estas videbla kiam oni atente komparas la finon de la jaro kun la komenco. Niaj grupoj ne nur bone vivas sed ili laboras. Ĉiuj havas membrojn ne nur el sama loko sed el diversaj kaj tiu fenomeno estas de grava signifo. En loko kie jam troviĝas unu aŭ pli da membroj, la grundo ne plu estas tute kruda kaj la grenoj tie semataj pli facile ĝermas. Kuraĝe antaŭen (kiel diris la majstro) ni ne malsukcesis. Ni fortiĝis, havis spertojn ni daŭrigos la laboradon kaj la sukceso devos sekvi.
2an de Januaro 1933a. Théo.

# Van de Redaksie

**Een spesiaal verzoek aan allen om medewerking.**

Met 1 Mei geven we een spesiaal nummer van „L. E." uit en een spesiaal voor verspreiding geschikt vlugschriftje in 150.000 of meer eksemplaren.

Daaraan *kunt* en *moet* ge allen medewerken.

We willen n.l. in dit spesiale nummer en in het vlugschriftje tot uiting doen komen *de internationaliteit van esperanto.*

Onze leden en overige lezers hebben daarin een belangrijke taak, die ze ten spoedigste dienen uit te voeren. Velen uwer hebben ongetwijfeld korrespondenten in het buitenland. Ziehier onze bedoeling:

a. Ge verzoekt aan deze korrespondenten, zo spoedig mogelik en uit veraf gelegen landen dadelik, *enkele* regeltjes van hen persoonlik, van hun groep en zo mogelik van niet-esperanto-organisaties of bekende personen, enz., die vóór esp. zijn. Voorts, zo mogelik, belangrijke feitelike gegevens voor dit doel en zendt ze daarna — liefst met vertaling — aan ons.
Vermeldt ook iets over die korresp., beroep, oud of jong, enz., enz.
Deze berichtjes worden natuurlik in 't hollands opgenomen, want ze dienen om de niet-esperantisten te winnen. Mocht wegens een teveel aan korrespondenten de porti een bezwaar zijn, welnu, dan drage men die gezamenlik of de groep. Men zorge er vooral voor, dat naam en adres dier korrespondenten onder het bericht staan, opdat wij elk van hun het 1 Mei-nummer en vlugschriftje kunnen sturen.

b. Een andere taak is ons een paar regeltjes te schrijven (in 't hollands) waarin ge mededeelt, in welke landen ge korrespondenten hebt, welke landen, kongressen enz. ge met esp. bezocht hebt, met welke landsmensen ge reeds gesproken hebt, of ge hun of zij u reeds bezochten, uitwisseling van kinderen, welke andere ervaringen ge reeds met esp. ondervindt, of wel feitelike ervaringen uwer korrespondenten, schoolkorrespondentie, van bepaalde groepen, enz., enz.

c. Ten slotte al datgene wat ge vermeldenswaard vindt, en wat het ook inderdaad is, om het geheel te maken tot een propagandisties iets *voor en van allen.* Het hoeft niet alleen van personen te komen, ook van groepen kan dat uitgaan.

En nu aan 't werk. Beknopt en duidelik moet alles in ons bezit zijn vóór 20 April.

## NIA FEDERACIO KAJ SAT.

„Sennaciulo" No. 401 aperis. Ĝi estas la unua numero de la „B" eldono, ĝi do estas la oficiala gazeto 8 paĝa, kiun la aktivaj membroj, *pagantaj f 2.50 jare,* ricevas.

Ĝi enhavas „La Lernanto'n" kaj frontpaĝe interesan artikolon pri Stokholmo, la urbo de la XIIIa S.A.T.-kongreso.

La intenco estas nur: ebligi al kamaradoj, kies enspezoj tiom malpliiĝis, ke ili ne plu povas pagi la plenan kotizon aktivan, tamen resti aŭ fariĝi aktiva membro kaj esti bone informita pri la internaj aferoj de S. A. T. Ankaŭ povas esti, ke tiuj kiuj ĝis nun ne aliĝis pro la — laŭ ili — alta kotizo, nun estas instigata aliĝi al S. A. T. Ĉiuj, ĉu pagantaj f 2.50 aŭ f 5.— havas la samajn rajtojn kaj ricevas la jarlibron.

Mi do kredas, ke la novaranĝo povas bone influi la kreskon de la S.A.T.-anaro, se la grupaj perantoj konas sian devon kaj faras efikan propagandon inter siaj samgrupanoj. Tiam ne estos malfacile atingi la celon;

*500 S. A. T.-membrojn en Nederlando.*

Petu informojn ĉe via grupa peranto aŭ ĉe J. W. MINKE,
Veeteeltstraat 144, Amsterdam-Oost.

## Rigardo Returnen.

*Fino.*

Por fariĝi perfekta esperantisto ni ne disponis pri ampleksa materialo. Krestomatio de Zamenhof, Semereto de Schendeler; kaj kiel vortaroj Kabe kaj Merkurio estis nia tuta posedaĵo.

Kiam „Akbar" estis eldonita, ni faris paŝon antaŭen.

La tradukintoj de tiu libro certe ne estas supozintaj kian materialon ili donis al ni. Akbar enhavas ĉion, kion oni bezonas por bone lerni kaj kompreni la esp. gramatikon. Ni ne nur legis ĝin, sed ankaŭ pristudadis ĝin pli ol unu fojon.

En tiu tempo oni komencis teni la gepatrajn kunvenojn en la lernejoj. En tiun direkton ni tre ege propagandis. Multfoje oni invitis nin sendi al la kunveno parolonton. Eĉ en Leiden ni parolis.

Sro. Zevenhuysen el Heemstede donis materialon.

Dum tiu tempo la labortago estis ankoraŭ terure longa. De matena je la 5a kaj duono ĝis vespere je la 6a kaj duono. Multfoje ankoraŭ pli da horoj.

Neniu el ni, krom Van Munster, estis fraŭlo. La familio do fakte fariĝis la viktimo.

Dum la postmilita tempo la papero fariĝis tiel multe-kosta, ke ni devis serĉi alian vojon por akiri hektografpaperon. Feliĉe mi estas stratpurigisto, do mi havis okazon senpage kolekti paperon.

Oni ne povas imagi al si kio estas trovebla en la malpuraĵujoj. Unu kaslibro de bioskopo prizorgis al ni por pli ol unu jaro paperon. Miaj kamaradoj ĉiam helpis min kolekti.

Lernlibroj ankaŭ estis ege bonvenaj. Tiujn mi ĉiam sendis al la militrifuzantoj en la karcero.

Kiam Kloek kaj Sterkenburg eldonis „Holanda Esperantisto" ni povis disponi pri propra gazeto.

Ke ni uzis tiun ŝancon montras la jarkolektoj. La federacio, kiu, rilate la cirkonstancojn, sufiĉe kreskis, prizorgis la landan propagandon.

Ni malkaŝe konfesu, ke la adresŝanĝo de la federacio el Hago al Amsterdam bone efikis. Nur en Amsterdam oni disponas pri stabo, kiu ne estas elĉerpebla!

Unu vintron mi ne baldaŭ forgesos.

La kursgvidanto akiris laboron, kiu finiĝis je la deka vespere. La gvidanto de la du infankursoj kuŝis en malsanulejo. La tria aktiva membro devis esti operaciata; do, nur mi postrestis.

En tiu periodo, mia plej terura periodo, evidentiĝis al mi, ke mi tute ne taŭgas por instrui infanojn.

Kiam mi estis skribanta sur la tabulo, la knaboj rampis sub la tablon, kaj la knabinoj en la subtegmentajn trabojn. Kion fari kontraŭ tio?

Kelkfoje mi estis nomata „diktatoro", kaj vere mi estis, sed nur kiel gvidanto de la konversaciaj kunvenoj.

Kiel diktatoro mi postulis, ke oni parolu esperanton!

Dum mia funkciado mi laboris kun diversaj kaj diferencaj personoj. De ĉiuj oni povas lerni. Al ĉiuj mi instigis serĉi aliajn vojojn por efike propagandi. Multaj proponoj estas pridiskutitaj, kaj kiam la financa flanko ne estis barilo, ankaŭ praktike uzitaj. Nur por la konversacio ni jam tion klopodis, ke ni finfine reiris al nia antaŭa metodo; kiu estas: unu horon libere diskuti, kaj unu horon por la plej malfacilaj partoj de la gramatiko.

Neniu estas kapabla kontentigi ĉiujn, sed oni klopodu. Kiam ni antaŭ jaroj aranĝis ekspozicion, ni devis viziti kelkajn amikojn por akiri materialon. Ĉiam oni aŭdis kritikon. Nun oni povas prunti el Amsterdam la plej belan kaj plej taŭgan materialon kaj nun oni eĉ aŭdas kritikon.

La instituto por popolklerigado nuntempe ege helpas nin. En tiu direkto oni komencas kompreni la valoron de mondlingvo. Rikolto de Nathans.

La radio ankaŭ disvastigas nian idealon.

La diversaj verkistoj zorgas por studmaterialo, romanoj, originalaj aŭ tradukitaj, ktp.

En la kvar semajnoj, dum kiam mi estas senofica, mi konstatis, ke multo pasis mian nazon, pro la fakto, ke la gruplaboro postulis ĉiun mian tempon.

Por ne fariĝi teda mi finas, opiniante, ke la nuna juna generacio iomete komprenos, kun kiom da peno oni antaŭ jaroj atingis ion.

Ĉiuj, kiuj atente estos legintaj mian kompilaĵon, certe devas konsenti, ke la efiko de propagando dependas ne de personoj, sed de cirkonstancoj.

Mi certe scias, ke neniu el la malnova gvardio estas kontenta pri la rezultato, sed ili estas konvinkitaj, ke ili laboris laŭ povo.

La devizo de ni ĉiuj estu:

Esperanto en la internaciaj laboristaj kongresoj kiel la lingvo kaj la plej baldaŭa enkonduko de Esperanto en la popollernejojn.

Kees.

## Ministerieele Beschikking.

Aan de Gemeentebesturen zond het Ministerie van Binnenlandse Zaken een schrijven betreffende „Ontwikkeling Werklozen" No. 20810, Afd. W. & S., gedat. 18 Nov. '32, op grond waarvan in enkele gemeenten reeds esperanto-kursussen voor werklozen worden gesubsidieerd.

Wij zenden een afschrift van deze sirkulaire aan onze Distr.- en afd.-besturen, opdat zij er hun voordeel mee doen.

